// AFRIKA REVUO

3-a Jaro (Nova Serio) 1947 Novembro-Decembro N° 11-12.

# NOVA SEZONO

Nova propagand-sezono komenciĝis. Estas certe nenecese rememorigi al la esperantistaro la neprecon de la propagando. Ni devas ja rekomenci kiel ĉiujare je tiu epoko plej efikan propagandon por Esperanto por atiri atenton de la vasta ne-esperantista publiko je Esperanto. Tion ni faras per la anoncado de okazontaj kursoj. Sed la kursoj solaj ne sufiĉas. Oni devas antaŭ ĉio fari publikajn propagandvesperojn, priparolantaj la neceson de Esperanto por la interrilatoj inter popoloj. Nur tiamaniere ni povos diskonigi la kursojn inter plej vastaj rondoj, ĉar de diskonigo dependas nia sukceso. Ni devas propagandi aparte en naciaj fak- kaj aliaj asocioj, kiel skaŭtoj, junulargastejanoj, sindikatoj, turistaj amatoraj grupoj, inter instruistoj ktp. ktp. Ni propagandu skribe kaj buŝe. Estas ja necese al ili montri materialajn kaj moralajn avantaĝojn. Ni devas persone inviti tiujn asociojn diskonigi la kursojn inter ilia membraro. Atentigi ilin, ke per Esperanto ili povos interrilati kun iliaj samfakuloj, en la vasta mondo, atingante tiamaniere valorajn kaj precizajn informojn pri ĉio, kio ilin koncernas. Kompreneble, la propagandan vesperon, pli ĝuste la prelegon faru iu aliloka aŭ eĉ eksterlanda samideano sub prezido de iu loka eminentulo ne-esperantisto. Ne necesas ankaŭ aldoni, ke tiujn prelegojn ni devus diskonigi pere de afiŝoj, flugfolioj kaj loka gazetaro.

Por povi efike prepari tian propagandon, estus necese, ke en ĉiu E. asocio, formiĝu speciala propaganda komisiono, kiu estus respondeca pri la arango, komisiono, kiu per sia programa kaj seninterrompa agado subtenus konstante la intereson de ne-esperantista publiko.

La gazetartikoloj, devus enhavi la sciigojn pri ĉiam novaj okazintaĵoj en E.-movado kaj la efiko de nia lingvo. Estas ja sciate, ke ĉiuj novaĵoj kiujn ni legas en E.-gazetaro, ne povas atingi la ne-esperantiston. Same la libro la plej interesa ne estos legata de publiko, se oni ne anoncos pri ĝi en la gazetaro. Ni jam scias, ke mirakloj ne okazas, same Esperanto ne estos adoptita de la mondo, se ni mem ne batalos por ke ĝi venku.

Nia devo estas kunigi niajn fortojn, ĝis nun nur neracie flankenigatajn, kaj ni starigu vojmontrilon, por ke neniu erarvagu.

La kolektado de subskriboj por UNO devas kontinui kaj oni devas ilin energie kolekti. Nur milionoj da subskriboj efikos. Bedaŭrinde apartaj E.-grupoj, ne komprenas ĝuste la neceson de kunagado kun la Landa Asocio, kaj ĉiu agas laŭ sia bontrovo, kaj tio ne donas realajn rezultatojn.

Landa asocio devas zorgi por povi ĉiam sendi necesan kvanton de propagandiloj al siaj E-sekcioj, progandajn broŝurojn lernolibrojn, kaj ĉerpi el ili monrimedojn. Landa asocio, devas kunhelpi en la arango de propagandvesperoj kaj prelegoj. Gi disponu taŭgan preleganton, kiu devas je ĉiu alvoko esti preta alveni. La novfondiĝintaj grupoj aŭ malfortaj povus esti tiamaniere subtenataj ankaŭ per konsiloj por ne vegeti aŭ morti, kiel ofte okazas, se la Landa Asocio ne estas sufiĉe energie gvidata.

(daŭrigo paĝo 105)

# RAPIDA SKIZO PRI FRANCA EKVATORA AFRIKO

En TCHAD-regiono, negrulinoj posedas plataĵ-lipojn. La plataĵo estas farita el platego eltranĉita en maldika ligno, kiun ĉirkaŭas la fendita lipo. Ili laŭvole formetas ĝin, sed tiam la lipo malagrable pendas. Ekzistas ankaŭ aliaj ornamajoj. Mi vidis ekzemple orelgloboj same dikajn kiel baloneto de « pingpong », sur kies glata surfaco estis reliefaj skuptaĵoj. Ĉe viroj estas oftegaj vizaĝaj strekvundoj, ili estas tre malofte videblaj ĉe virinoj. La diversaj idiomoj en la Franca Ekvatora Afriko devenas el Bantu-a lingvo, parolata en duonsuda parto de Afriko, la zulua lingvo estas komprenebla tute malsama.

En Ekvatora Afriko, la ĉefa lingvo, kiu estas derivata el la bantua, estas tie uzata kiel « afrika Esperanto ». En anglaj kolonioj, (mi tion konstatis en Kamerun kaj Niĝerio) indiĝenoj de malsamaj lingvoj parolas « Pidĝin ». Mi ofte demandis min mem, kiam « civilizuloj » imitos la sovaĝulojn » en tiu matiero, kaj ne nur per imitado de apudborda « vestaĵo » montrante sin preskaŭ duon-nudaj.

Sude de FEA oni manĝas odoraĉan maniokon. Norde ili preferas milion: Maizo kaj arakidoj ankaŭ kreskas norde. Por planti aŭ semi milion, maizon aŭ arakidon la negrulo ne kliniĝas, ĉar kiam komencas la pluvsezono (vintro) ili fosas inter du ekpluvegoj, trueton por grajno, per plugilo je longa tenilo. Tio permesas al semanto resti staranta dum laboro.

Por rikolti arakidon indiĝeno sidas, milio kaj maizo kreskas ĝis homa alteco ; konsekvence negro neniam laciĝas.

En urboj, la komercistoj ne estas pagataj ĉiufoje por vendita komercaĵo, same okazas en kafejoj, restoracioj kaj viandmagazenoj, ili tute simple listigas la aĉetitaj varoj sur eta slipeto, kaj la aĉetanto... pagas unufoje je la monatfino. En tiu lando estus tro lacige ĉiufoje eltiri la monujon el la poŝo...

Le telegrafaj fostoj beligas la peizaĝon de Ekvatora Afriko, ili konsistas el detranĉitaj arbaj trunkoj el kiuj elspruĉas verdaj folioj, krome ili ne ĉiam estas plantitaj en rekta linio. Tiuj fostoj konvulsie skuiĝas laŭlonge de vojoj. En la hejmo la plankoj estas cimentitaj, sed sur stangetoj surportantajn kontraŭ-moskito-voalojn, mi vidis verdajn foliojn. Estas kurioze, ke telefonabonantoj pagas unufoje en la jaro la abonkotizon, (por duo-de aparato kaj konversacioj) sen diferenco, ĉu oni ofte aŭ malofte utiligas sian telefonon. kiam hazarde oni deziras telefoni en kafejo aŭ restauracio, oni pagas nenion, sed simple dankas por la komplezo... En Brazzaville, ĉiu loĝanto pagas aŭtobus-imposton pojare, konsekvence utiligas tiun veturilon senpage, ĉar ne ekzistas kontrolistoj en aŭtobusoj, nek biletoj. Tiun imposton devas pagi ĉiu loĝanto, kiel mi supre diris, sendiference ĉu li utiligas aŭtobuson aŭ ne, ĉu li posedas sian aŭtomobilon aŭ biciklon. Komprenebla turistoj ŝategas tian aranĝon.

Kiam mi loĝis en IMPFONDO (en tiu tempo alvenis Ekvatoran Afrikon la grupo de esploristoj, pri kiuj skribis mia redaktorino en 2-3-a numero de AR) mi ofte aŭdis pri pigmeoj. Temis pri Babinga tribo. La Babingoj loĝas iom proksime de EPENA norden, je cento da kilometroj de IMPFONDO.

Tiu ĉi Urbo troviĝas je la dekstra bordo de Oubangui-riverego (Ubangi) Pri pigmeoj mi nur aŭdis, ĉar ilin vidi estas tute alia afero.

En la tuta regiono nur unu blankulo el EPENA povas ilin proksimiĝi, kaj la Babinganoj ne forkuras de li. Ili konsideras lin kvazaŭ fraton. Estas li kiu helpis al la esploristoj. Se la anoj de tiu ekspedicio mem fotografis kaj registris fonografdiskojn pri tiu tribo, tio ja estas oka miraklo. Generale oni filmiĝas sovaĝajn bestojn per aŭtomataj fotoaparatoj postenigitaj tie-ĉi kaj tie. Ili « laboras kiel negro ». Tiuj etuloj nutras sin per radikoj, fruktoj kaj bestoj

(daŭrigo paĝo 106)

# RECENZOJ

(Ni recenzas duoble ricevitajn librojn kaj esperantajojn, unuoble ricevitajn, ni nur mencias).

ESPERANTA KRESTOMATIO. Eldonis Nederlanda Centra Komitato Esperantista. Kompilis H. A. Hoog Mr. A. J. Kalma, W. F. Kruit kaj Frato Wigbertus van Zoon. Kartonita 119 paĝa.

La supre nomita Komitato eldonis tiun Krestomation por kandidatoj al elementa ekzameno por anstataŭi la « Fundamentan Krestomation » de Zamenhof, kiun la citita Komitato konsideras kiel eltenantan « dubindajn formojn ». La libreto enhavas taŭgan materialon, konsistantan el prozajoj kaj kelkaj originalaj poemoj de Majstro. Baghy, Devjatnin kaj Grabowski. Ĝi taŭgas ankaŭ por aliaj esperantistoj pro zorge elektita materialo. CK.

LERNU ESPERANTON. Eldonis Quarello & Cia, Buenos Aires. 31. p. Prezo 5 int. poŝt. respondkuponoj. Havebla ĉe nia libro-servo.

Tiu libreto estas eltirajo el la ampleksa verko « LERNU ESPERANTON », kiu ne estas ankoraŭ eldonita kaj destinita por tiuj, kiuj volas ellerni bone la lingvon. Komprenebl e ĝi taŭgas bone por hispanlingvanoj, pro klarigoj superfluaj por alilingvuloj

KALENDARO 1948, eldonis 21-a S.A.T.-KONGRESO, kiel propagandilon. Havebla ĉe : B. Bultemeyer, Jan, van Galenstraat 86 I, Amsterdam W. Nederlando por 1 int. respondkupono.

SVEDA LABORISTA MOVADO. Tage Lindbom. trad. M. Johansson. Eldonis Sveda Laborista E.-Asocio. Stockholm. Prezo 2 internaciaj respondkuponoj. Enhavas 92 paĝoj.

KIU ESTAS KIU INTER NORD-AMERIKAJ ESPERANTISTOJ ? Eldonita de Postnikov. U.S.A. Dua-eldono. 96 paĝa ; enhavas informojn kun adresoj pri esperantistoj en Norda Ameriko. Prezo 1 dolaro, Havebla ĉe A. R.-libroservo.

FILMO pri JAVO. Eldonis Esperanto Film-Grupo. Bergen op Zoom, Nederlando. La Grupo intencas eldoni pluajn film-striojn pri diversaj temoj kun klarigiloj por grupkunvenoj, kies unua filmo portas supran nomon. Pri prezoj kaj aliaj klarigoj turnu vin al tiu Grupo, kies adreso estas Antwerpsestraat 45.

FEUILLETS ENCYCLOPEDIQUES de DOCUMENTATION ESPERANTISTE No 3-a, eldonas Pierre Perret, LYON, 106, Cours Henri, Francujo.

Jen aperis 3-a kajero de tiu bonega verko, kiu alportos senegalan helpon al propandistoj en landoj de franca lingvo. Estas metoda kompilo de plej-diversaj tekstoj, opinioj de famuloj, kiun kompletigas bonegaj fotoj, je tre diversaj temoj kaj okazajoj en la esperantista mondo.

Estas vere giganta laboro, kiun entreprenis tiu fervora samideano, kiu vere meritas helpon de ĉiuj. Ni esperas, ke ĉiu samideano fariĝos abonanto de tiu Enciklopedio por sia profito en la propagando de nia kara lingvo kaj por helpi la eldoniston en lia peniga kaj honorinda laboro. if.

LA PRAHISTORIA ARTO Agostinho da Silva, elportugaligis J. de Freitas Martins ; eldonis Portugala Eldona Rondo. Estas la kvara libreto de la jam anoncita serio en nia 9 No 1947, kiu estas tiom rekomendinda, kiel ĉiuj antaŭaj verketoj. Prezo 9 p. ang. havebla ĉe nia libro-servo.

LA BUDHISMO de A. da Silva. 23 paĝa. Kontrolita de La Literatura Komitato Prezo 9. ang. p. havebla ĉe A. R. libro-servo.

LA UNUA VOJAĜO ĈIRKAŬ LA MONDO. aŭtoro Agostinho da Silva. 24-paĝa. En verketo ni trovas priskribon de la unua vojaĝo ĉirkaŭ la mondo farita de F. de Magalhaes en jaro 1520. Kiel ĉiuj libretoj de tiu serio, ankaŭ tiu ĉi estas zorge presita kaj enhavas bonegan stilon. if.

TRI MAJSTRONOVELOJ. Elgermanigis E. Pebe. Eldonejo : « Tramondo », Wieno. Prezo : ŝil. aŭstriaj : 5.50.32 paĝa, broŝurita. Enhavas tri novelojn de Heinrich von Kleist, Teeodor Storm kaj Adalbert Stifter. Kaŭze de laŭvorta tradŭko, la stilo ne estas facila kaj la libreto enhavas multajn eraretojn. Ni esperas, ke sek-

(*daŭrigo paĝo* 105)

# NI DISTRU NIN !

III. ENIGMOKONKURSO

Partopreni povas ĉiu, kiu atingos 30 poentojn. Aliaj, kiuj ne atingis dum tiu konkurso supre cititan nombron, povas partopreni en la sekvanta konkurso kaj la akiritaj poentoj estos alkalkulitaj al nove atingitaj.

Ni fiksaj 3 libro-premioj por la 3 unuaj gajnintoj.

---

SOLVO DE ENIGMO N° 5. Domo, doto, koto, kato, rato, pato, poto, pomo, homo.

SOLVO DE ENIGMO N° 6. Du trik-var-vendistoj.

---

REZULTATO DE LA KONKURSO

1-a premio S-ro P. Brunet, Valenciennes. — 2-a premio S-ro M. Delgado Austrey. — 3-a premio : S-ro A. Menou, Montpellier (Hlt). Al ĉiuj tri gajnintoj, ni samtempe forsendis la premiojn kun niaj sinceraj gratuloj.

---

3 ENIGMO



d, e, e, i, i, i, i, l, m,
n, n, n, o, o, o, o, o, o,
r, r,

La vortoj en horizontalaj kaj vertikalaj kampoj havas signifon : 1. diablo, 2. verbo, 3. subtero, 4. metalo, 5. pronomo, 6. litero.

4. Problemo.

De Sallaumines al Lille estas 35 kilometroj.

S. Lille.

Petro k. hundo Paŭlo

Iun dimanĉon matene, je la 6-a, Petro forlasas piede S. por Lille, dume je sama horo, Paŭlo foriras el Lille por atingi Sallaumines, ankaŭ piede. La du viroj marŝas po 5 km. pohore, sed Petro ne estas sola, li estas akompanata de sia hundo.

Tuj de la ekiro la hundo kuras, po 20 km. por hore, je la renkonto de Paŭlo. Kiam ĝi atingas Paŭlon, ĝi revenas al sia mastro, kaj poste denove kuras al Paŭlo ; ktp... Meze de la vojo ambaŭ viroj renkontiĝas, kaj foriras ĉiu al sia celo, dume la hundo ĉiam kuras de unu al la alia. Kiam Petro atingis Lille, *Paŭlo* alvenis Sallaumines'on, tie la promenado finis por ambaŭ amikoj kaj por la hundo KIOM DA KILOMETROJN TRAKURIS LA HUNDO ?

---

Por la 3a enigmo ni kalkulas poentojn kaj 4 por la 4. Enigmo.

La SOLVOJN SENDU post la ricevo de tiu numero.

---

SOLVO de Enigmo N° 1 de III-a Enigmo-Konkurso 1. Balai. 2. Animo 3. Linio. 4. Amiko.

SOLVO de la enigmo N° 2. Meblisto. Komercisto. 3. Kelnero.

---

STATO DE LA III KONKURSO. Posedas 9 poentaj S-roj : C. D. Andersen, el Gjentofte (Danujo) : P. Brunet, el Valenciennes ; A. Menou el Montpellier ; S-ro Navez el Saint-Amand-les-Eaux ; f-ino Leal, Casablanca, Sorel, Parizo Posedas 6 poentoj s-ro G. Meson, S. Suiza, Y. Martin, S. Etienne kaj LuBi Posedas 3 poentoj : S-roj Di Lorenzo, Perez, Barsac, Davis, Garcia, Bahl, Horak, Smetima, Den Ploeg, kaj Menier.

---

LISTO de SUBTENANTOJ

« por ke A.R. vivu kaj kresku »

| | |
|---|---|
| S-ro Knecht, Ft. Archambault | 500 — |
| S-ro Aninimulo, Meknes | 200 — |
| S-ro Ohana, Marrakech | 200 — |
| F-ino Leal, Casablanca | 100 — |
| S-ro Bardot, Paris | 28 — |
| S-ro Ernest M. Fez | 250 — |
| F-ino Claudia Tissot, St-Etienne. | 107.20 |
| S-to Tuffier | 80 — |

RADIO

WIEN. Ekde la 7-a de oktobro 1947, refunkcias E.-servo, ĉiu mardon de 18.20 ĝis 18.30 per sendilo II 31 m. 41 m. kaj 228. 6 m kaj merkredon

matene de 6.35 6.45 per sendilo 1., 506. 8 m. Esp. dissendoj por eksterlando okazas, marde vespere de 18.25-18.30, dum aliaj tempoj estas germanlingvaj dissendoj pri Esperanto.

Cekoslovakujo. *Ciutage* 1. de 16.30-16.45 GT per 49.92 m- 6010 kc kaj 2. de 22.00-22,15 GT. per 49.92 m-6010 kc. LUNDE kaj JAUDE de 21.50-22,00 per 470 m.

VERDA STACIO PRAHA ĉiun unuan lundon en la monato (ekde la 5.1. 1948) de la 22-22.30 GT per 270 m kaj 325 m.

Aŭskultu ĝin kaj informu pri tio skribante al ESPERANTO-SERVO de RADIOSTA-CIO Praha XII. Stalinova 12.

FRANCUJO. Ciutage ekde 15-a de decembro 1947 sur 41 m. 21, dum unu kvaron-horo, de 18.15-18.30 (laŭ franca horo) aŭ de 17h15-17.30 (laŭ Greenwich).

Tiui skribu al « Radiodiffusion Française. Emissions espérantistes vers l'étranger, 110, Champs Elysées, Paris 8° por danki gratuli. Skribu en Esperanto.

(daŭrigo de 103 paĝo).

vantaj eldonajoj estos pli zorge tradukitaj **kaj bone kontrolitaj antaŭ la** « meto sub la preso ».

DU AMOSENTAJ NOVELOJ : Imenlago : aŭtoro T. Storm kaj Maruŝka de M. Escherich. Tradukanto Alfred Baden. 41-paĝa, eldonis Svisa Esperanto-Societo. Prezo 2.05 sv. fr. havebla ĉe nia libro-servo.

La rakonto estas tro melankolia kaj ne tute konkordas kun nuna vivofluo. La dua rakonto troviĝanta en la verkaĵo, estas ankaŭ pri-ama rakonto.

Stilo estas ĝenerale bona, libro rekomendinda. SO. KO.

ĈE LA SANKTAJ AKVOJ. Aŭtoro J. C Heer. Eldonis Svisa Esperanto-Societo. Unua parto. Tradukanto A. Bader. P. Le Brun kaj J. Schmid. Unua parto enhavas 8 ĉapitrojn, 81 paĝojn prezo 3.05 sv. fr. havebla ĉe A. R. — libro-servo.

La libro priskribas la vivon en svisaj Alpoj kaj pri ilia popolo kaj moroj de tiu, kaj ĉiujn flankojn de ĝia karaktero. ĉio en la formo de romano.

Same kiel « Du Amosentaj Noveloj » tiu libro estas bonstila kaj certe plaĉos al esperantista leganto, kiu devus havigi al si tiun verketon, tre bele eldonitan sur bona papero kaj gramatike senriproĉa. if

## (DAURIGO EL 101 PAGO)

Laŭ prilaborita programo de propaganda komisiono de L. A. lokaj sekcioj aktive povus kunlabori. Kaj jen la grava punkto, ke oni dividu la taskojn inter la plejagemaj samideanoj. Estas necese, ke ĉiu agemulo aliĝu al iu ajn ne-esperantista asocio, kaj tie jam kiel plejrajtaj membroj, propagandu Esperanton. Komence kompreneble singarde, despli la rezultato estos certa. Tio ja estas unu el eroj de la programo de propagando. Nura vizito de E.-grupo, kie ĝenerale oni ne parolas Esperanton ne sufiĉas. Kaj kio koncernas la lingvon nacian, ĝi devas esti konsiderata en la E.-klubejo kiel fremda lingvo, kiun oni ne devas paroli. Samideanoj, devas aŭdi en sia grupo nur Esperanton.

Estas grave, ke oni pendigu elmontrokesteton, en la loko la plej konata en la urbo, en kiu troviĝus adreso de la asocio, kun ekzaktaj horoj de grupkunvenoj. Se tia kesteto estus tro multekosta por neriĉaj E.-grupoj, ke oni petu la permeson pendigi kadrojn en stacidomoj, kafejoj, en kuracistaj atendejoj, en tramoj ktp. ktp. konsekvence, ĉie, kien venas, multaj personoj. Kompreneble, estas necesege, ĉiam porti E.-insignon, do ne nur kiam oni iras al E.-grupo. Tio estas multefika propagandilo. Kunlaboru en la gazetara servo, verkante taŭgajn nelongajn artikoletojn. Same sciigojn de ĝenerala graveco, ricevitajn de eksterlandaj samideanoj, traduku, transdonu al loka redakcio, kun mencio « pere de Esperanto ». Ciam kunportu iun kvanton da propagandiloj en vialanda lingvo, por povi tuj subteni vian buŝan propagandon. Se vi ne posedas multe da propagand-broŝuroj, pruntu ilin al viaj ne-esperantistaj amikoj. Grava estas ankaŭ Ekspozicio. La materialon, devas prokuri Landa asocio, kiu laŭvice pruntedonos al siaj sekcioj.

Se ĉiuj agu laŭ supraj konsiloj, nia lingvo venkus depost longa tempo.

La Red.

(Sekvo de 102 paĝo)

La Babingoj loĝas en praarbaro. Ilia vivo similas pli al tiu de simio ol homo. Ili estas tre sovaĝaj, aktivaj kaj laboremaj, pri ili oni vere povas diri, ke ili « laboras kiel negro ». Tiuj etuloj nutras sin per radikoj, fruktoj kaj bestoj de arbarego. La grandstaturaj negroj sklavigis ilin, ĉar pigmeoj estas ankoraŭ pli simplaj ol negroj. Tutan semajnon pigmeo laboregas por unu sola plenmano da salo, aŭ por kelkaj cigaredoj. Pigmeo ne miras, se por elefanta dentego li ricevas nur du, tri cigaredojn. Sed oni konstatis, ke tiuj moroj iom post iom malaperas.

Babingoj estas tre lertaj en la fabrikado kaj uzado de siaj malgrandetaj iloj. Per hakilo, kies tranĉrando estas nur kvin-centimetrojn longa, ili dehakas rapide « fromaĝarbon », kiu estas kvardek metrojn alta kaj ses m. ronda. Per siaj etaj lancoj kaj sagoj ili mortigas la plej grandajn bestojn. Oni eĉ asertas, ke pigmeo faligas sin el arbo sur elefanton kaj mortigas ĝin rajdante la bestegon.

Oni ne sufiĉe konas tiun malaperantan popolon. Kaj ofte oni demandas sin ĉu civilizi ilin aŭ lasi je ilia sorto. Mi persone estas inklina por la dua solvo, ĉar pro ilia malalteco kaj nesufiĉe disvolvita cerbo, ili estos ĉiam ekspluatataj de normalkreskuloj kaj pririadaj. Kaj tio estas akra kaj daŭra torturo eĉ por bestoj.

Fernand KNECHT.

---

Ni pardonpetas niajn karajn abonantojn pro malfrua forsendo de tiu numero. La kaŭzo estas, ke ni eksciis, ke la pakaĵo enhavanta tiun numeron estis detruita, dum la fama striko en Francujo je iu poŝtoficejo do ni devis represi ĝin (kompreneble kun reduktita enhavo pro gravaj-elspezoj) kaj esperas, ke depost januaro, kun helpo de niaj karaj abonantoj, la gazeto aperos tiom regule, kiom permesos al ni niaj financoj.

Multe da abonantoj revuo aperos ĉiumonate. Ĉar ni bezonas 100 novajn abonantoj ĉiumonate, por eldoni la kajeron.

---

GRAVA !

Bv. noti novan adreson de nia redakcio AFRIKA REVUO, 54, Rue de l'Aviation Française, CASABLANCA, Maroko.

---

LA REDAKCIO DE A. R. korege dankas por ĉiuj bondeziroj al siaj fidelaj amikoj kaj abonantoj, kiujn ĝi reciprokas sincere, dezirante al ĉiuj legantoj, feliĉan kaj prosperan, NOVJARON.

---

AĈETU LIBROJN ĈE NIA LIBRO-SERVO.

PAG-MANIERO.

La abonkotizo por unu jaro 7 ang. ŝil. aŭ egalvaloro en vialandaj valutoj. La monon sendu je la nomo de nia ĉef-redaktorino. Francaj s-anoj, kiuj posedas poŝtĉekkonton, pagu je la poŝtĉekkonto No 111.75 en Rabat (Fink). El landoj, el kiuj oni ne povas sendi monon, nek respond-kuponojn, pagu al ĉef-delegito de U.E.A. en via lando (vidu la pag-tabelon kun iliaj adresoj en 3 No de A.R. 30 paĝo). Unu ŝil valoras 44 = fr.fr.

LIBRO SERVO de A. R.

Konsultu niajn libro-listojn en No 10 kaj nuna numero.

---

GRAVA NOTO.

Plialtigo de preskostoj por nia revuo kaj plialtigo de poŝtelspezoj por ĝin ekspedi, ekspozas je danĝero la ekziston de nia revuo. Se vi volas nin helpi pagu tuj vian jarabonon por 1948, fariĝu subtenanto de via revuo (duobla jarabono) aŭ patrono de ĝi, (dekobla jarabono).

Mendu ĉe nia libro-servo, ĉiujn librojn, kiujn vi bezonas ni ekspedas la menditajn librojn, tagon de la alveno de via mendo.

---

Ni publikigos regule la nomojn de niaj mecenoj sur la kolonoj de nia revuo.

Niaj abonantoj, kiuj ne plu deziras ricevadi nian revuon, sciigu nin pri tio per simpla poŝtkarto. Por ne interrompi la ekspedadon de A.R. ĉiu abonanto, kiu ankoraŭ ne pagis 1948 abonkotizon, kaj kiu restas fidela al nia revuo, sciigu nin pri via pago, farita al niaj perantoj, samtempe kun la sendo de mono al ili.

# KORESPONDU !

Publikigo de anonceto pri korespondo kostas 3 internaciaj poŝtaj respondkuponoj. por linia anonceto ; ĉiu plia linio 1 int. respondkupono. POR ABONANTOJ LA PUBLIKIGO DE ANONCETO PRI KORESPONDO, ne pli granda ol du-linia estas senpaga.

---

MALLONGIGOJ. Dez. : deziras f.-ino fraŭlino ; S-ino sinjorino S-ro : sinjoro ; D-ro : Doktoro ; prof. : profesoro interŝ. : interŝanĝas ; kĉl. : kun ĉiuj landoj ; pĉt. : pri ĉiuj temoj ; PI. poŝtkartoj ilustritaj ; L. letero ; PM. poŝtmarkoj ; s-ano samideano ; k. Af. kun afrikanoj ; kor. korespondi ; gaz. : gazetoj fot. fotografaĵoj ; bfl. bildflanke. uz. uzitajn ; neuz. neuztajn ; p. : pri ; lin. lingvoj ler. lern. lib. libroj.

---

GRAVA NOTO. Skribante al iu el subaj adresoj, NE FORGESU MENCII al via korespondanto, ke lian adreson ; vi trovis en A.R.

---

ANGLUJO S-ro M. Delgado « Andalucia », Austren Nr. Nuneaton, Warwicks, dez. kor. pĉt. kĉl. kaj interŝ. P.M.

2. S-ro R. G. Richardson, BM/Gran London, W. C., 1 dez. kor. angle kun knaba amiko ĉiuaĝa kĉl. sendu foton.

ARGENTINO. Interŝ. uzitajn PM. kaj neuz. kĉl. Luis Vicino, Maza 1448-50 + Suc. 23 + R. 7. BUENOS-AIRES.

BELGUJO. S-ro L. V. d. Briele, 18 r. Verte-Boezinge (Fl. Occ.) dez. kor. p. lin. kĉl. Dez. ler. araban kaj kor. kun islamano pri lia religio. Dez. amikan kor. kun f-inoj ĉl. Dez. interŝ. PI. PM. gaz. lib. landkartojn, kaj kor. p. literaturo. Ĉiam respondas.

BULGARUJO. Komercisto dez. interŝ. de PM. kaj kor. k. komercistoj de artbildoj, industriistoj, eksportistoj kaj komercistoj, kiuj havas intereson pri bulgara bazaro en la estonteco.

2. S-ro Ivan Dimov, v. Glavaci-Vraĉansko, dez. kor. k. Af. Serĉas kor. por siaj samgrupanoj, gekursanoj kaj 10-13-jaraj gelernantoj.

ĈEKOSLOVAKUJO. 1. S-ro Zdenek Dacik, ZLIN 2, Prumyslove koleje, 2700/507 dez. kor. k. knabinoj.

2. S-ro Hutar Jaroslav, Beneŝova 31, BRATISLAVA, serĉas kor. en Maroko.

3. Esp. ĝardenistoj (amatoroj kaj profesiuloj) turnu vin al s-ro L. Kyncl flor-komercisto Kvetinova-sin, PRAHA VIII, Palmovka.

4. S-ro S. Pytloun, Kraslice, Francouzska 720, dez. interŝ. kompletajn seriojn, kaj kor. france se eble kun skoltestro.

5. S-ro Toman Vit, kontrolóro ĉe f-ko Bata, Sezimovo Usti dez. kor. kaj interŝ. PM. kaj papiliojn.

DANUJO. S-ro Chr. Jensen, Maagevej 4 Odense, dez. kor. kĉl. interŝ. PI. PM. sendu 100 PM kontraŭ 100 danaj.

FRANCUJO. S-ro Pierre Bouquerel, 74 Rue Verdun Bagneux, Seine PARIS interŝ. PM. kĉl. Ĉiam respondas.

2. S-ro Romain Chambaz, 44 rue du Haut-Pavé, ETAMPES, (S.-et-O.) kontraŭ bele filatele afrankitaj PI. kaj kovertoj, nepre sammaniere respondos.

3. S-ro Joseph Prouza, La Chartonniere, Villefranche-sur-Saône, Rhône, dez. interŝ. PM. kĉl. Ĉiam respondas. Li donas interŝanĝe PM. de Fr. Monaco. kaj fr. kol. Kor. Fr. Esp. ang. ger. ruse, kaj itale.

ITALUJO. Knabo Moretto Antonio, Azzano X (Udine) dez. kor. kun knabo kaj interŝ. PM. Estas naŭjara.

AUSTRUJO. S-ro Fr. Weisskirchner, EBENSee ; Marktgasse 1, dentisto, dez. interŝ. bildkartojn kaj PM, k. 1.

HUNGARUJO. S-ro Johano Valastyan Bekesesaba, V. Szepesi u. 5 dez. kor.

NEDERLANDO. S-ro Wim Derks, Leenheren STR. 24 TILBURG, dez. kor. p. L. kun Af. knabino. Estas 24-jara studento.

NORVEGUJO. S-ro Fridolf Lindholm, Munchs gt. 5, v 624 OSLO dez. kor.

POLUJO. S-ro E. Turek. Pabianice, Ks. P. Skargi 39, 18-jara studento, dez. kor. kun 17-18 jara s-ano aŭ s-ino.

SVEDUJO. S-ro Gothe KARLSSON, Satra, Insjon, dez. kor. kĉl. interŝ. PI. gaz. PM ktp. Respondo garantiata.

2. S-ro Sven. Stoltz, Box 3022, LEKSAND dez. kor. k. interŝ. PI. kun ekster-eŭropanoj, Garantias la respondon.

**EDZIĜO.**

En HENIN LIETARD Francujo. Edziĝis 3-an de januaro S-ano L. Bourgeois kun f-ino Sofhie Maillot, ambaŭ membroj de Henina Grupo ». S-ro Laborde malnova esperantisto kaj vic-urbestro unuigis tiun verdan paron en la urbdomo de tiu urbo. Korajn bondezirojn kaj multajn esperantistidojn deziras la Redakcio de Afrika Revuo.

---

BONVOLU KOREKTI SEKVANTAJN erarojn, kiujn ni rimarkis en 9-a No paĝo 98 en Popolaj Divenitaĵoj.

Devas esti :, Armeon (ne aemron)
» patrinon (na pEtrinon).

Jén la solvoj de A. P. D.

1. Luno kaj suno
2. La nubo
3. Moneroj
4. La bovo
5. Lakto
6. Kolharoj de ĉevalo
7. Piedoj, oreloj, vosto
8. Testudo
9. Kokoj.

(Sekvo de 82 paĝo) S p.
Svisa Antologio, bind. 26.6
Synnove Solbakken : Björnsen 2.6
Teatra korbo : Baghy 1.6
Tejo kaj ĉerik : Toms, legolibro 1.6
Tri Angloj Alilande : Merchant 1.0
Tria Rapsodio : Szilagyi 3.6
Tri Homoj en Boato : Jerome. bind. 10.6
La Trovita Felico : Sekelj 8
Undino : Schneider, bind. 5.0
Vagabondo kaj Sinjorino, bind 7.0
Verdaj Donkiŝotoj : Baghy, bind 7.6
Verkaro de Fez : Wiesenfeld 11.6
Victoria : Hamsun 2.6
La Vidvineto : Allencar 1.6
Veterano : Bragga 2.6
Vivo de Zola : de Silva 2.9
Vivo vokas : Engholm bind. 9.0
La Vojo Returne : Remarque bind. 5.0
Amo de Toojuuroo : Kikuĉi 2.6
Antonio kaj Kleopatro : Sekspir 2.6
La Botistoj : Kivi 1.3
Dekdu poetoj : Kolocsay bind. 6.9
Dialogoj kaj komedietoj : Dahl 1.0
Deverskolora bukedeto : Lorenz, broŝ. 1.9
bind. 2.9
Eterna sopiro : Olŝvanger 1.6
La Fianĉiĝo : Leo Kivi 6
Miniaturoj : Nash. bind. 1.0
Rimportretoj : Kolocsay 2.6
Romeo kaj Julieto : Sekspir 2.6
Spegulo homarana : Erkko 1.2
Sakludado : Giacosa 1.0
La tragedio de l'Homo : Madach 9.0
Bhagavad-Gitâ : Lorenz bind. 2.0
La biblio 8.6
Historio de kristo : Papini broŝ. 12.
bind. 15.
Islamo esperantiste rigardata 9
Vivo de nia sinjoro jezuo : Dickens luksa bind. 6.0
De tutmonda perforto al tutmonda frateco bind. 3.6
La fino : Bernadote 5.3
La juda Ŝtato : erzl 5.0
Progresado kaj la, paŝinteco 3.6
Australio-Lando kaj popolo 5.6
Tra sovaĝa kamĉatko : Bergman 8.9
Vivo de eskimoj : da Silva 7
Arthistorio : Kolocsay 16.6
Homaj rasoj de la mondo 5.3
Pri bredado de abeloj : Andersen 5.6
Pri moderna arto : Grenkamp, bind. 6.0
La espero (kun muziknotoj) 4
La vojo : Zamenhof (kun muziknotoj) 2
Ĉu vi scias ? Appleby 9
Murdo en la orienta ekspreso L.6
La knaboj de Paulo-Strato L.6
La princino kaj Betty I.6
La tempo-maŝino I.6
Princino de marso I.6
Esperanta Krestomatio
Lernu Esperanton 1.2
La Prahistoria Arto : da Silva
La Budhismo : Da Siva
La Unua vojaĝo ĉirkaŭ la mondo
Du amosentaj Noveloj : Storm
Ĉe la sanktaj akvoj : Heer
(Petu prezojn por libroj, kiu ujn vi ne trovis en nia libro-listo).

TRI MAJSTRONOVELOJ : Pebc
Colomba 1.6
Sep vangofrapoj 3.0
La Virineto en bluo 3.0
La grandaj filozofoj kaj la universala lingvo 9
Arboj de la arbaro kaj kampo 1.9
Rusaj noveloj 9
De muheddin gis mundilatin 9
El klasika periodo de esperanto 9
La kongresaj paroladoj de Zamenhof 9
La kongresaj paroladoj de Z. II. parto 9
La avo 9
La jusnaskito 9
La jubilea kongreso de E. 1912 9
La ora Kongreso de E. 1937 9
Nordnordaj fabeloj 9
En la vagono kaj aliaj rakontoj 9
Rozinjo 9
El la londona skizlibro 9
Flugado alimonden 9
Patro kaj filo kaj aliaj rakontoj 9
Novaj esperanto historietoj
La neevenkebla Ĉeno, Thijssen 11.0

Bv. noti kondiĉojn de nia libro-servo.

Kun la mendo bv. sendi koncernan monon. Oni povas pagi per mono de koncerna lando sendebla en letero ; per internaciaj poŝtaj respondkuponoj, stampitaj maldekstre de via poŝtoficejo kaj je nia poŝtĉeekkonto No 111.75 Rabat (je nomo de nia ĉef-redaktorino s-ino Fink) francaj samideanoj, kiuj mem posedas poŝtĉekkonton, povas utiligi tiun pagmanieron, aliaj per poŝtmandato. El landoj el kiuj oni ne povas sendi monon, nek respond-kuponoj, pagu al ĉef-delegito de U.E.A. en via lando (tabelo kun adresoj en 2-3 No j de A.R. 30 paĝo).

Aldonu 10 % por sendkostoj. Por la mendoj, kiuj superas 2.000 fr. fr. ni ne kalkulas la sendkostojn.

Ni rezervas la rajton ŝanĝi prezojn sen antaŭa avizo - pro la ŝanĝitaj kursoj.

Pro ofte ŝanĝataj kursoj, ni donas la prezojn laŭ angla monsistemo : 1 ŝilingo : 12 pencoj, 20 ŝilingoj : unu funto : 863.80 fr. fr.

EL LA VERDA FAMILIO

La 10-an de oktobro 1947 naskiĝis, fileto en la familio de ge-anoj Acien Atencia, Casablanca, kiu ricevis nomon, Julio. Koron gratulon.

Al niaj gesamideanoj Fiby kaj Ben Sion Ohana el Marrakech, naskiĝis filo, prenomita Ludoviko, Lazaro, 24-an de Decembro 1947. La redakcio kore gratulas al tiu verda familio kaj esperas, ke la juna Ludoviko baldaŭ parolos nian karan lingvon kaj legos nian Afrikan Revuon.

Langres. — Imp. Moderne 31 2586